# Juna amiko

INTERNACIA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO
Novembro, n-ro 89/4 (51), 16a jaro



**Jen bildoj de Internacia Junulara Kongreso: ne la ĵusa, kiu okazis en Kerkrade, Nederlando, sed tiu en Debrecen, Hungario antaŭ ses jaroj. Ne gravas la malaktualeco, ni ne celas fari novaĵ-raporton, ni volas komuniki etoson, kaj tio restas ĉiam aktuala. Babilado dum sunumado, komuna kantigo en internacia rondo — jen gusto de la unika etoso de la Junularaj Kongresoj.**



Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

Redaktoro kaj grafiko: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 40 ft. (por eksterlandano 48 ft.) Internacie ĉe UEA: 8,40 gld.

Anoncoj:
Kvaronpaĝo: 250ft soclande aŭ 25gld aŭ 3 jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj.
Duonpaĝo: 420ft aŭ 42gld. aŭ 5 jarabonoj.
Tuta paĝo: 600ft. aŭ 60 gld. aŭ 7 jarabonoj.

Jen ni trapasis nian jubileon; nun via *Juna amiko* estas definitive maljuna. Kvindekunu-numera! Tamen, eterne juna, ĉar vi legantoj junigas ĝin. Tio estas la ĉefa temo de nia nova varbilo por 1990. Eble vi jam vidis ĝin, se vi eklegis la revuon aliloke ol ĉe la komenco. Jes, ni uzas niajn mezajn paĝojn por proponi afiŝon. Dorse vi trovos la perantojn, tarifojn kaj informojn por re- aŭ ek-abonado.

Nun ni diros al vi, kiel akiri ekstrajn ekzemplerojn de la afiŝo, por ke vi ne devu elŝiri la mezajn paĝojn de la revuo. Ĉiu, kiu sendos al ni artikolon, novaĵon, ŝercon, bildstrion, enigmon aŭ io ajn, kiun ni aperigos, ricevos danke stokon da afiŝoj aldone al aŭtoraj ekzempleroj de la koncerna revu-numero. En ĉi tiu numero vi trovos konkurson kiel kutime. Kiel malkutime, aldone al la normalaj premioj, ni elektos dudek partoprenintojn, kaj tiuj ricevos stoketon de la afiŝoj.

Ni presos mil ekstrajn ekzemplerojn de tiu afiŝo, sed por fari tion ni devas krompresi ok paĝojn. Do, la aliaj kvar paĝoj prezentas unu rakonton: 'La virino kaj la policisto'. Ĉiu, kiu ricevas afiŝojn, ricevos krome ekzemplerojn de tiu rakonto.

Instruistoj, kiuj volas akiri afiŝojn por varbado aŭ la rakonton por uzi klaskvante bonvolu mendi – prefere kune kun kontribuaĵo verkita ĉu de vi mem, ĉu de unu el viaj lernantoj. Perantoj ricevos stokojn.

Pardonpeton ni ŝuldas al iuj malfruaj abonintoj, kiuj ne ricevis numeron 89/1 kaj kelkaj eĉ ne 89/2. Kvankam ni altigadas la eldonkvanton (4500 nun), pro kresko en la legantaro, tiuj numeroj elĉerpiĝis. Ni esperas rericevi stok-restaĵon de la hungaraj gazet-vendejoj kaj tiujn ni postsendos.

Jen averto – reabonu frue por 1990! Ĝoju: eĉ kiam surdigas la eldonantojn senĉesaj eksplodoj de prez-altiĝoj rompantaj la son-baron, la prezo de *Juna amiko* en forintoj kaj okcidentaj valutoj restas obstine kaj brave senŝanĝa. Agrablan jarfinon kaj belajn festo-tagojn!

Stefan MacGill,
5 okt. 1989

Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik éventenégyszer. Ára: 10 ft. 89/4 szám, XVI évfolyam. Felelös szerk.: Schiller Judith. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelös kiadó: Princz Oszkár. Készult a MESZ Sokszorosítóban: hearota 89-171. Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Ma[illegible]sta. Elöfizethetö bármely hirlapklé[illegible]stahivatalnál, a hirlapkézbesitöknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.

# KIE LA MUSOJ KAŜIĜIS?




**Dek ses musoj atakas la kuirejon! Diru, kie troviĝas ĉiu kaj kion ĝi faras aŭ faros, kaj kiel ĝi aspektas. Kiel aspektas la virino? Kion ŝi faros? Kial aspektas la kato? Kion ĝi faros? Kion vi farus, se via kuirejo aspektus tiel?**

Sendis la bildon André Herrmann, Winterthur, Svislando.

Kara redaktoro,

Jen mi sendas la promesitajn kantojn. Espereble ili plaĉos al vi kaj ankaŭ al la publiko. La kvar hungaraj kantoj troviĝas ankaŭ en la lernolibroj pri kantado por la duaklasanoj en niaj lernejoj, ili do povas akiri popularecon inter 7–8-jaraj infanoj. Cetere en mia grupo, konsistanta el kvar 9-jaraj infanoj, ni kelkfoje sukcesis legi ankaŭ kelkajn nelongajn artikolojn. Ilin ĉefe la ŝercoj interesas, kaj ankaŭ tiuj de *Juna amiko* plaĉis al ili. Bedaŭrinde, skribi al via gazeto ni ankoraŭ ne sukcesis, unuavice pro manko de tempo.

Deziras multan sukceson kaj ĉion bonan,

*Johano (János) Petik,*
*Balassagyarmat, Hungario*

Jen la unua el la kvar lud-kantoj:

## Fajra ludo



**Mi fajron kaj flamon portas**
**Ne rigardu tien, tuk' ĝin kovras**

**La ludo:** La infanoj staras en rondo, kun manoj malantaŭen metitaj. Unu ĉirkaŭiras ekstere de la rondo kun poŝtuko enmane. Fine de la kanto li/ŝi enmanigas ĝin al iu kaj tuj forkuras ĉirkaŭ la rondo. La ricevinto devas tuj postkuri la doninton kaj klopodas kapti tiun. La doninto devas klopodi ĉirkaŭiri la rondon unufoje kaj preni la liberan lokon, kiun la ricevinto lasis. Se la doninto sukcesas fari tion, sen esti kaptita de la ricevinto, tiu iĝas la nova 'enmaniganto'. Se ne, la antaŭa enmaniganto devas repreni tiun rolon.



# LA ASTRONOMO KAJ LA AZENO

En unu ridetanta maja posttagmezo reĝo Matiaso kaj la belega reĝino Beatrikso kun kelkaj siaj amikoj-grandsinjoroj ekiris promeni el la palaco. Ili paŝadas sur la multnombraj brilaj ŝtupoj, descendante al la valo de Buda, kiam reĝo Matiaso ekrigardas la ĉielon kaj turnas sin al la kortega astronomo, kiun li volas promenigi, ĉar ĉiam li ŝatas havi apud si iun scienculon. La reĝo turniĝis la tiu stelisto kaj demandis: "Ĉu estos pluvo, kara maljunulo mia?"

La blankbarba maljuna stelisto suprenmetis la grandan okulvitron surnazen kaj ĉirkaŭrigardis la ĉielon: "Ne pluvos, majesta reĝo, ni povos promeni senĝene."

Kiam ili atingis la belegan verdan kamparon, aŭdis la reĝo, ke kriegas azeno, ĉar ĝuste en tiu direkto paŝis ŝafisto kun ŝafaro. Tien atinginte, diras la reĝo: "Diru, vi, ŝafisto, kial kriegas via azeno?"

"Majesta reĝo, kiam ajn mia azeno kriegas, tiam estos pluvego."

La reĝo turnis sin al la stelisto: "Ĉu vi aŭdas tion, grandbarba stelisto?"

"Jes, mi aŭdas, sinjoro mia, sed tamen mi diras, ne estos pluvo!"

La azeno, aldone al tio, ankoraŭ pli forte kriegis. Kaj la ŝafisto bele petegis: "Reiru, majesta reĝo mia, ĉar la vetero hodiaŭ estas trompema, malfermiĝos la ĉielaj akvo-kondukiloj kaj estos pluvego."

Sed la gereĝoj ne atentis la konsilon de la ŝafisto kaj promenis plue. Eĉ ne duonhoro pasis: falis tia pluvego, ke ĉies multekostaj vestaĵoj malsekiĝis; tra la okulvitro de la stelisto likis akvo. Tiam la trian fojon turnis sin reĝo Matiaso al la astronomo, kun multe da pririÍdo: "Konfesu, maljunulo mia, ke tiu azeno estas stelisto, ĉar se vi demandus la azenon, ĝi ankaŭ rekonus, ke la stelisto estas azeno!"

Tradukis el la hungara' A csillagász meg a szamár'
Eleonóra Ocsenás, el Mali Idoŝ, Jugoslavio.
Gajnis premion en la traduka branĉo
de la konkurso 'Maja' en 1989
organizita de Zagreba Esperanto-Ligo.



VORTKLARIGOJ

descendi: malsupren iri
kortega: palaca, reĝa (en ĉi tiu kunteksto)
astronomo: stelisto (en antikvaj tempoj, oni supozis, ke la steloj influas la veteron.)
senĝene: senprobleme, senzorge
trompema: ne-fid-ebla, ne-certa
akvo-kondukiloj: akvo-tuboj
konsilo: propono, sugesto, opinio
liki: tralasi likvaĵon, ĉi-kaze pluvon
konfesi: diri, ke oni eraris aŭ kulpas
rekoni: konsenti

# Sukceso en Pápa

Ekde septembro en la hungaraj bazlernejoj neniu lingvo estas devige lernenda, sed la lernantoj mem rajtas elekti en la kvara klaso, kiun lingvon ili lernos dum kvin jaroj.

Eluzinte tiun eblecon du bazlernejoj en la urbo Pápa, en okcidenta Hungario, proponis ankaŭ Esperanton kiel unuan fremdan lingvon. Antaŭ la lernojaro la gelernantoj ricevis informilojn pri Esperanto, ja multaj sciis nenion pri ĝi, krome aperis artikolo pri la ebleco en la urba gazeto. Tamen la rezultoj superis niajn songôjn. En la bazlernejo Nagy László ambaŭ klasoj, kun sume 70 gelernantoj, elektis Esperanton. Krom tio, ĉi tie funkcias jam du fakultativaj grupoj el la 7a kaj 8a klasoj kun 25 geknaboj. En tiu ĉi lernejo instruas Esperanton s-ino Attiláné Kovács kaj József Németh.

En la bazlernejo Erkel Ferenc el kvar klasoj entute 56 gelernantoj elektis Esperanton. Ilia instruisto estas Attila Gerencsér, kiu instruas la lingvon jam dum pli ol dudek jaroj – sed ĝis nun nur en fakrondoj. La instruado de la 4a klasanoj en ambaŭ bazlernejoj okazas laŭ la nove eldonita kaj abunde ilustrita lernolibro de Helena kaj Jozefo Mikulás (vidu anoncon dorskovrile). La fakultativaj grupoj ne havas sufiĉe konvenan lernomaterialon.

La biblioteko de la bazlernejo Nagy László komencis kolekti Esperantajn instru-materialojn, sed tiuj nuntempe malabundas. Do, estus bone se ni povus ricevi diversajn lernolibrojn kaj ne plu uzatajn instruhelpilojn kaj aliajn materialojn por instigi la geknabojn. Tio ne volas esti almozpeto, je estas malriĉaj ne ni, sed la eblecoj. Vian helpon – laŭ niaj ebloj – ni intencas rekompenci.

Estus oportune estigi kontaktojn kun enlandaj kaj alilandaj lernejoj kaj gelernantoj. El la 151 gelernantoj estas dek geknaboj 13–14-jaraj, kiuj lernas la lingvon jam de unu jaro. Ĉiuj aliaj estas komencantoj inter 9- kaj 13-jaraĝaj.

Jen la adresoj de la du bazlernejoj: Erkel Ferenc Általános Iskola, H-8500 Pápa, Kerekes testvérek utja 27 kaj Nagy László Általános Iskola, H-8500 Pápa, Anna tér 1.

*József Németh*

---

Deziras korespondi la sekvaj lernantoj (13–15-jaraj) el tiuj klasoj:

Attila Beke, Zrinyi u. 26
Andrea Burai, Kilián ltp. 34, fsz.1
Róbert Fövényesi, Döbrés u.16.
Zóltan Kolonics, Kilián ltp. 48, fsz.1
Nikolett Kreutz, Batthyány u.9
Mónika Lukács, Torma Lajos u.23
Attila Németh, Muskátli u.3
Timea Kurucz, Vajda ltp.11, ép. 1/7
Balázs Nagy, Kővirág u.20.
Norbert Jópeti, Jókai u.78

Al ĉiu adreso aldonu: H-8500 Pápa, Hungario.

# La magia cirklo

Denove longa nokto antaŭ mi. Mi ne volas enlitiĝi. Mi timas. Mi timas endormiĝi. La malhelo kaj la soleco vekas mian fantazion. Ĉion, kion mi dumtage travivis, revenas pli forte en miaj sonĝoj. Mi timas miajn sonĝojn.

La vestoj timige pendas en la ŝranko; strangaj ombroj ĉie en la ĉambro. Jen la luno grimacas tra la fenestro. Ĉu mi ne ĵus aŭdis krion de nokta birdo? Ĉu ne branĉo de arbo krakis en la ĝardeno? Mi timas!

Tamen mi estas laca, mi ŝatus dormi tute trankvile. Sed ĉiam, ĵus endormiĝinte, min kaptas tiaj nigraj koŝmaroj, tiras min en tiun malhelan, teruran submondon, kvazaŭ ĝangalo el kiu mi apenaŭ povas eskapi.

Mallumo ĉirkaŭas min. Densega arbaro. Mi volas kuri. Ne eblas. Jen simio frapas mian dorson. Helpu! Jen serpento celas mian kolon. Mi jam sentas la akrajn dentojn kaj eksvenas. Ho, jen jam leopardo de sur arbo por kapti min. Mi forkuras. Nigra birdo alflugas min kaj pikas mian kapon. Kiaj doloroj! Mi tenas mian kapon. Rigardu, rapide rinoceroj alproksimiĝas, ne atentas min, puŝas min al la tero. Mi leviĝas, provas forkuri, sed krokodilo kaptas mian piedon. Mi falas denove, falegas sur ŝtonon kaj – ekvekiĝis.



Mi tremis, mia koro bategis, miaj noktovestoj estis traŝvititaj. Tamen mi ankoraŭ vivis. Feliĉe estis nur sonĝo. Kelkfoja profunda spirado iomete retrankviligis min.

Kiamaniere eviti tiajn terurajn noktajn eventojn? Longe mi ne plu povis dormi. Mi elpensis planon. Planon kontraŭ tio, kio daŭre persekutas min en miaj sonĝoj. Baldaŭ venis ideo en mian kapon. Neniu, nenio tuŝu min plu. Sed kiel atingi tiun celon? Kiel protekti min? Mi bezonas magian rimedon. Eble mi tiros magian cirklon ĉirkaŭ min, per bastono aŭ per mia propra fingro. Poste neniu homo, besto aŭ iu ajn povos tuŝi min. Tia estis mia plano.

Tuj mi elprovis mian ĵus inventitan cirklon. Mi fermis la okulojn kaj baldaŭ denove troviĝis en sonĝa mondo. Tuj kiam venis serpento, mi tiris mian cirklon ĉirkaŭ min – la besto ne plu povis kapti min. Venis la simio por alsalti mian dorson. Imagu ĝian vizaĝon, kiam ĝi pro la cirklo ne povis proksimiĝi al mi. Simile konsternita estis la leopardo. La rinoceroj alkuris min, sed antaŭ mi ili, pro la cirklo, devis cedi dekstren kaj maldekstren. Same la birdo miris, kial ĝi ne povis atingi min. Mi iris plue. La krokodilo kun vaste malfermita buŝego per akraj dentoj celis miajn krurojn. Tuj mi tiris mian cirklon kaj la krokodilo kun laŭta krio frapis sian nazon ĉe la nevidebla muro.

Mi estis ĝoja, ke mi inventis tiom bone funkciantan magian cirklon, kaj mi daŭre kaj ĉiam denove elprovis ĝin. En miaj nunaj sonĝoj mi ne plu timas ion. Male! Mi alproksimiĝas al bojantaj hundoj, kurantaj ĉevaloj, sovaĝaj bestoj. Mi eĉ malfermas pordojn de leonaj kaĝoj. Nenio povas damaĝi min, se mi nur sufiĉe rapide kaŝas min interne de mia magia cirklo.

Ne plu mi timas iri en la liton, ne plu mi timas miajn sonĝojn, ne plu mi timas bestojn aŭ homojn – mi ja havas mian magian cirklon, kiu min protektas.

Nu, se ankaŭ vin atakas noktaj koŝmaroj, vi nun certe scias, kiel elsavi vin.

*Rössler Rita, FR Germanio*

VORTKLARIGOJ
endormiĝi: ekdormi
soleco: estanta sen aliaj homoj
sonĝo: bildoj kaj scenoj, kiujn ni vidas, dum ni dormas
grimaci: fari malbelan vizaĝ-esprimon
kraki: fari subitan bruon, kiel rompata branĉo
koŝmaro: malagrabla kaj timiga sonĝo
celi: volas atingi
ek-sveni: perdi la konscion
piki: dolorigi per akra objekto: beko aŭ pinglo
rinocero: afrika bestego kun granda korno sur la nazo
ŝvito: malsekaĵo, kiu aperas sur la haŭto, kiam ni laboregas aŭ timegas
eviti: eskapi de, ne esti kaptita de
persekuti: turmenti, malbone trakti
inventi: elpensi, krei
konsternita: ŝokita, surprizita
cedi: rezigni, ne plu klopodi

## Kastora klubo

Ĉi tiu klubo delonge havas proksimajn ligojn kun nia revuo. Multaj el niaj legantoj estas brunaj, arĝentaj aŭ oraj kastoroj. La plejlasta grupa letero de la klubo aperis en oktobro kaj prezentis novan adreson:

**KASTORA KLUBO**
**ul. Pulawska 3-11**
**PL-02-515 Warszawa, Pollando**

Ĉiu juna lernanto de Esperanto rajtas senpage aliĝi al la klubo kaj iĝi 'Kastoreto'. Petu informilon pri aliĝo de la supra adreso. Kiu atingas la rangon de bruna, arĝenta aŭ ora kastoro ricevas senpage la grupan leteron de la klubo.

# LA Virino KAJ LA Policisto

desegnis: Pavel Rak
verkis: Stefan MacGill



Virino ŝoforas aŭtomobilon
La aŭtomobilo estas moderna
La virino estas eleganta
La aŭtomobilo iras rapide
La virino estas malfrua.
La virino vidas park-lokon
La virino estas kontenta
La park-loko estas malgranda
Ne gravas
La virino estas lerta
aŭ almenaŭ mem-fida!



La virino svingas la stir-radon
La virino turnas la aŭtomobilon
La virino blokas la tutan vojon
La virino bremsas la aŭtomobilon
Subite.
La aŭto eligas sonon: "Iiiii!"
La virino ne rimarkas la kamionon
Ŝi ne rimarkas la kamioniston
Feliĉe, li rimarkas ŝin.

La virino sentas triumfon: "Haaaa!"
La kamionisto sentas ŝokon: "Jaaaajjj!"
La kamiono eligas bruon: "Skkrrriiii!"
La kamion-malantaŭo forlasas la teron
Brikoj forlasas la kamion-malantaŭon
La brikoj rompas fenestron
La brikoj inundas la kamioniston:
"Plat'! plat', plat', plat', plat', plat', plat', plat', plat!" ili sonas.

La kamionisto diras malpermesatan vorton: "**#@*&**!!"
Policisto aŭdas malpermesatan vorton
La policisto turnas la kapon
La policisto vidas la kamioniston. Kaj la brikojn.
La policisto aliras la kamioniston. Kaj la brikojn.
"Bonan tagon, bonan tagon!" diras la policisto
"Ĉu? Ne tro bona, tamen!" respondas la kamionisto
La brikoj ne respondas. Unu sonas: "Plat'!"
La policisto ignoras la brikon
La policisto demandas la kamioniston:
"Kio, do?"
La kamionisto akuzas la virinon:
"Danĝera! **#@*&**!!"
La policisto admonas la kamioniston:
"Malpermesita vorto:





Leĝo pri publika ordo kaj deco surstrata, numero 342, de la 8a de februaro 1874, paragrafo l7b, sub-punkto 39: En ligo kun la ĉi-supre-aludita deco kaj ordo, elbuŝaĵoj kaŭzantaj, emantaj kaŭzi, povontaj laŭ interpreto de averaĝa civitano kaŭzi, havantaj ĉu aŭ ne la intencon kaŭzi, iujn ajn el la rezultoj detaligitaj en paragrafoj 13 ĝis 15, subpunktoj 27 ĝis 32 inkluzive, ktp, ktp, ...MONPUNO 500 steloj.

La policisto monpunas la kamioniston
La kamionisto pagas la monpunon
Malkontente.
"Plat'!" diras alia briko
"Precize!" konsentas la kamionisto.



La virino parkas la aŭtomobilon
Efektive lerte
La virino malfermas la pordon
La virino eliras la aŭtomobilon
La virino prenas sian man-sakon
La virino fermas la pordon
Ŝi malfermas la man-sakon
Ŝi serĉas sian ŝlosilon
Ŝi trovas kombilon, broson, spegulon, naz-tukon, monujon, tram-bileton, not-libron, ses elĉerpitajn glob-krajonojn, malnovan butikum-liston, elektronikan kalkulilon kaj sian ŝlosilon.



daŭrigo sur paĝo 15 →

# JA per faktoj

Sur paĝo dek kvar vi trovos la adresojn de niaj perantoj en multaj landoj, kiuj akceptas abonojn por 1990 en via loka valuto. Sur la venontaj paĝoj vi trovos afiŝon, kiun vi povos pendigi sur la muro en via klasĉambro, litĉambro, aŭ iu ajn alia ĉambro (ekzemple kies muro havas kovrendan fendon aŭ truon.) Vidu paĝojn 2 aŭ 18 por trovi, kiel vi povos akiri kelkajn el tiuj afiŝoj.

### Anonc-tarifo

Anoncetoj en la rubriko 'Deziras korespondi' estas senpagaj por junaj legantoj, kiel ankaŭ edukaj informoj. Aliaj anoncoj, kun aparta grafika pretigo estas pagendaj.

**Kvaronpaĝo:** 25 gld. aŭ tri jarabonoj en okcidenta valuto. Soclande 250 forintoj.

**Duonpaĝo:** 42 gld. aŭ 5 jarabonoj. Soclande 420 forintoj.

**Tuta paĝo:** 60 gld. aŭ 7 jarabonoj. Soclande 600 forintoj.

### Malnovaj ekzempleroj

Ĉi tiu oferto furore sukcesis; ĉirkaŭ cent kolektoj estis venditaj. Sed pro tio pluraj numeroj elĉerpiĝis, do ni ne plu povas oferti kompletan jardekan serion. Tamen ni plue proponas 28 malsamajn numerojn de *Juna amiko* el 1974 ĝis 1988. Tion vi povas mendi ĉe okcidentaj perantoj kontraŭ nur unu jarabono. Mendu klare: 'Juna amiko, malnova kolekto.' En Hungario pagu 50 forintojn al la Librobutiko de HEA, aŭ 100 forintojn por donaci kolekton al eksterlanda amiko. El aliaj landoj nur mone antaŭpagitaj mendoj akcepteblas.

Laŭ la samaj prezoj kaj kondiĉoj ni proponas klas-kolekton de 30 ekzempleroj de unu numero. Vidu la inventaron sur p. 20; specifigu, kiun numeron vi deziras. Oferto validas dum restas stokoj – rapidu, la kelo rapide malpleniĝas!

## ABONANTOJ DE JUNA AMIKO

| Lando | 1987 | 1988 | 1989 |
|---|---|---|---|
| Sovet-Unio | 1148 | 1468 | 1666 |
| Hungario | 837 | 951 | 873 |
| Jugoslavio | 10 | 102 | 297 |
| Bulgario | 240 | 221 | *338 |
| Germana DR | 130 | 161 | 224 |
| Ĉeĥoslovakio | 180 | 203 | 140 |
| Pollando | 5 | 36 | 77 |
| Britio | 18 | 57 | 51 |
| Francio | 7 | 37 | 45 |
| Brazilo | 17 | 31 | 41 |
| Usono | 7 | 28 | 36 |
| FR Germanio | 30 | 47 | 32 |
| Italio | 14 | 18 | 32 |
| Svedio | 5 | 43 | 32 |
| Belgio | 7 | 15 | 16 |
| Nederlando | 17 | 11 | 11 |
| Finnlando | 6 | 7 | 10 |
| Aŭstrio | 0 | 0 | 9 |
| Aŭstralio | 5 | 9 | 8 |
| Kubo | 5 | 8 | 8 |
| Kanado | 5 | 8 | 5 |
| Tanzanio | 0 | 0 | 5 |
| Eksterlandaj donacabonoj | | | 36 |
| Aliaj,Helir, landoj nekonataj | | | 107 |
| Aliaj SMG | | | **23 |
| **SUMO** | **2725** | **3561** | **4122** |

* Mendo de 180 nuligita jarmeze.

**Po 4 en Hispanio, Korea Resp. kaj Norvegio. 3 en Irano. 2 en Venezuelo. Po 1 en Malto, Nov-Zelando, Svislando, Irlando, Kolombio kaj Japanio. Sume abonantoj en 33 konataj landoj.

Hungario: 282 abonantoj, 250 al kooperativa movado, 341 al vendejoj.

Ĝojinde, ke la nombro de legantoj kreskas, sed notu en kiuj landoj plej kreskas kaj malkreskas la abonantaro, kaj vidu kiuj landoj kun multaj esperantistoj tamen ne figuras en nia tabelo. Jen ni atingis kvarmil! Perantoj, instruistoj, legantoj, asocioj – unu granda kunlabora klopodo resti super tiu limo en 1990 kaj eble eĉ celi kvinmil!

# Juna amiko

## Internacia lernejana Esperanto-revuo

rakontoj
tabul-ludoj
enigmoj
konkursoj
premioj
kotopo-kotopoj!



kvizoj
poemoj
kantoj
skeĉoj
rol-ludoj

kvarfoje jare * formato A5 * 24-paĝa dukolora preso * eldonkvanto 4500 kontribuantoj el dudeko da landoj * legantoj en 40 * abunda varia enhavo didaktike verkita * simpla, alloga, vigla fidela amiko ankaŭ por la instruistoj kontaktilo inter kaj lernantoj kaj klasoj bonstile ilustrita * grupe partopreniga aktoru skeĉojn * kune kantu * gajnu premiojn konkurse * solvu enigmojn * triumfu kvize * * spertiĝu Esperante!

**Nia gazeto jam celebris sian kvindekan datrevenon sed restas eterne JUNA!**




**Eldonanto:** Hungara Esperanto-Asocio, pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.
**Aŭspicianto:** Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.
**Redaktoro:** Stefan MacGill (Nov-Zelando/Hungario).
**Desegnisto:** Pavel Rak (Ĉeĥoslovakio)
**Klubo de legantoj:** Josef Chvosta (Ĉeĥoslovakio)
**Perantoj** en trideko da landoj (vidu la liston dorsflanke).
**Internacia peranto:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. 8,40 guldenoj. Rabatoj por kvantaj mendoj.
**Eldonkvanto:** 4500. Legata en pli ol 30 landoj.

**JAM UNIKA JUN-AMIKA**

# PERANTOJ DE JUNA AMIKO

Nia ĉefa internacia peranto estas Universala Esperanto-Asocio. Vi povas pagi al ilia Centra Oficejo rekte en guldenoj, ankaŭ multaj el iliaj landaj perantoj akceptos abonojn en via enlanda valuto. Jen listigo de niaj proporaj perantoj kun abon-prezoj. La unua cifero estas tiu por unuopa jarabono (4 numeroj). La postaj ciferoj estas la po-abona kosto por kolektivaj abonoj por respektive 3 ĝis 7, 8 ĝis 29 kaj ekde 30 ekzempleroj. Escepto estas Hungario.

Internacia: Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando (pĉk. 378964). 8,40gld., 7,50gld., 7,00gld., 6,00guldenoj. Aere ekstereŭrope.
Migranta: Jorgos, ĉe la biciklo laŭ la enlanda tarifo.
Aŭstralio: Sylvia Burkitt, 20 Grandview St., Parramatta, NSW 2150. $A7,50, 7, 6,50, 6. Aere.
Aŭstrio: 'Pro Esperanto', p/a Eo-Muzeo IEMW, Hofburg, A-1010 Wien. 60öS, 55, 50, 45.
Belgio: Flandra Esp-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen. 175BEF, 160, 150, 140.
Brazilo: Brazila Esperanto-Ligo, Caixa Postal 11-1105, BR-70084 Brasília (DF). 8,40; 7,50; 7,00; 6,00 gld. Pri enlanda tarifo decidas BEL. Aere.
Britio: P. Hewitt, 26 Highfield Rd, North Thoresby, Great Grimsby, South Humberside, DN36 5RT. 2,80; 2,50; 2,30; 2,00 pundoj.
Bulgario: BEA ĉesigis sian perantecon jarmeze. Turnu vin al la ŝtata perejo REP ĝis novembro. 2,40 levoj. Kiu spertas problemojn skribu al la redakcio.
Ĉeĥoslovakio: Ekde septembro ĉe PNS, dovoz tisku, Dlouhá 12, CS-110 01 Praha 1 por Ĉeĥio (tel. 42 2 2316795, kataloga n-ro 25423). PNS, nám. K. Gottwalda 6, CS-813 81 Bratislava por Slovakio. Movada peranto akceptas abonojn tutjare: SEA, Sobotske nám 6, CS-058 01 Poprad.
Ĉinio: Klopodoj trakti kun Ĉina E-Ligo restas senrespondaj.
Francio: UFE, 4 bis, rue de la Cerisaie, F-75004 Paris. 26; 24; 22; 20FF.
FR Germanio: Esperanto-Centro Paderborno, Grünigerstr. 5, D-4790 Paderborn, kaj J. Pachter, Zum Kreuzbühl 16, D-7480 Sigmaringen. 7,50; 7,00; 6,00; 5,00 DM.
Germana DR: Ĝis la 1-a de septembro ĉiujare ĉe Post u. Fernmeldeamt Falkenberg, Zentralvertrieb u PZV, Übigauer Str. 4, DDR-7900 Falkenberg (mendonumero Z 0230-1318).
Hungario: Ĉe ĉefaj poŝtoficejoj aŭ rekte ĉe HELIR, Lehel u. 10a, H-1900 Budapest, prefere antaŭ la jarfino. Jarabono 40 forintoj. Donacabono por eksterlandanoj 48 ft. Konto HELIR: 215-96162. Kolektivaj kaj malfruaj abonoj kaj mendoj de malnovaj numeroj ĉe "Juna amiko", p/a HEA, pf. 193, H-1368 Budapest. Malpli ol 8 ekzempleroj al unu adreso: po 45 ft. 8 ĝis 14 ekz.: po 40 ft. 15 ĝis 29 ekz.: po 36 ft. Pli ol 30 ekz. po 34 ft.
Israelo: Aviv Faklieru, P.O.K. 8383 Tel-Aviv-Jaffa, IL-61083.
Japanio: Japana E-Instituto malakceptis la peradon. Klopodoj trovi alian peranton restas senrespondaj.
Jugoslavio: Terezija Kapista, Studentska 39/23, YU-11070 Novi Beograd. 20.000 dinaroj, 18.000, 16.000, 15.000.
Kanado: Merle Haltrecht-Matte, 7083 rue Notre Dame, Orléans, Ontario, K1C 1J1. $K 5, 4,60, 4,30, 4. Aere.
Kubo: Ni traktas kun Kuba Esperanto-Asocio.
Pollando: Abonado tra RSW ne eblas. Turnu vin al PEA aŭ la ILEI-sekcio, p/a H. Ejsmont, ul. B. Bartoka 1 m 49, PL-92-547 Lodz. 800zl. 750. 700. 600.
Sovet-Unio: Distribuo okazas oficiale sen kvota limo: Turnu vin al Sojuzpeĉatj ĝis septembro por la posta jaro. Mendonumero 25423. Verŝajne 3 rubloj.
Svedio: Lisbet Andreasson, Södra Rörum, pl. 455, S-242 94 Hörby. 30, 28, 26 kaj 24 SKR. Pĝk. 147429-5.
Svislando: Esperanto-perantejo Bern. Tel.: 031-427156. 6; 5,50; 5; 4,50 SFR.
Usono: ELNA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530. $4,50; 4,25; 4,00; 3,75. Aere.
Venezuelo: J.E. Bachrich, Apdo 3833, Caracas 1010 A.

La virino elprenas la ŝlosilon
Ŝi remetas ĉion alian
La virino ŝlosas la aŭton
Ŝi formetas la ŝlosilon
Ŝi refermas la man-sakon
Ŝi forlasas la aŭtomobilon
Ŝi pasas ŝildon
La virino ne rimarkas la ŝildon
Ŝi ne vidas ĝin
Ĉu vi vidas ĝin?
Ĉu vi komprenas ĝin?
La ŝildo signifas kion?
Kion signifas la ŝildo?



La virino ne rimarkas la ŝildon
La virino ne aŭdas vian klarigon
Ŝi grimpas la ŝtupojn
Ŝi eniras konstruaĵon

La policisto rimarkas la ŝildon
Li legas ĝin
Li komprenas ĝin, eĉ detale:

Leĝo pri trafika ordo kaj deco surstrata, numero 243 de la 29a de novembro 1934, paragrafo 285, sub-punkto 13/b/IX/9, park-manovroj kaŭzantaj, emantaj kaŭzi, kun la celo kaŭzi, sen la celo kaŭzi, situaciojn kontaŭaj al tiuj detaligitaj el la supraj paragrafoj 17 ĝis 284 inkl., escepte de aparte rajtigitaj municipaj gvidantoj ktp, ktp, ... *MONPUNO 800 steloj.*




La policisto rimarkas ne nur la ŝildon
Li rimarkas ankaŭ la aŭtomobilon
La policisto havas malican ridon
La policisto havas akran mienon
La policisto havas akran krajonon
Li prenas notlibron kaj krajonon
Li legas la numer-ŝildon de la aŭto
Li skribas la numeron en la not-libro
Li skribas aliajn detalojn sur la paĝo
Li ŝiras la paĝon el la not-libro
Li metas la paĝon sur la fenestron.

La virino forlasas la konstruaĵon
Ŝi aliras la aŭton.
Ŝi vidas la policiston, la ŝildon kaj la paperon
Ŝi prenas la paperon de la fenestro
Ŝi legas la paperon
Ŝi vokas la policiston
"Ĉu vi metis la noton sur mian aŭton?"
"Jes, mi metis ĝin tien."

La virino relegas la paperon
Ŝi vidas du subskribojn
"Kiuj subskribis la monpunon?" ŝi demandas
"Mi subskribis la monpunon" respondas la policisto
"Sed du personoj subskribis ĝin."
"Jes, ankaŭ la urbestro subskribis ĝin."
Nun la virino ridas malice.



La virino tenas la paperon per siaj manoj
Ŝi levas la paperon antaŭ la vizaĝon de la policisto
Ŝi ŝiras la paperon en du pecojn antaŭ la policisto
Ŝi ĵetas la paper-pecojn en la aeron super la policisto
Ŝi kaptas la pecojn kaj ĵetas ilin en la vizaĝon de la policisto

LA VIRINO ESTAS LA URBESTRO




INSTRUISTOJ: Vidu paĝon 2 por konstati, ke vi povas ricevi stokojn de ĉi tiu rakonto. Uzu ĝin por ekzerci la uzon de la akuzativo en simplaj klaraj ekzempligaj frazoj, kiuj tamen formas rakonton. La lasta parto prezentas ankaŭ la akuzativon de direkto. La frazoj helpos lernantojn senti, kiuj verboj bezonas rektan objekton kun la akuzativo.

# Klubo de Legantoj

**La rubrikon gvidas Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio. Sendu ĉiujn korespondaĵojn kaj respondojn rekte al li.**

## La domo, en kiu Karolo loĝas

En mia familio estas miaj gepatroj, mi, mia kvarjara frato, mia fratino kaj mia onklino. Mi havas unu ĉambron kun mia frato, la gepatroj havas sian dormejon, la fratino estas en unu ĉambro kaj la onklino en la alia. Tiuj kvar ĉambroj situas en la unua etaĝo. Kuirejo, provizejo, banejo kaj necesejo situas en la ter-etaĝo. Tie estas ankaŭ tri komunaj ĉambroj, alireblaj por ĉiuj, kie oni ekzemple manĝas, rigardas televidon aŭ aŭskultas radion. En la kelo estas forno de centra hejtado. Vintre la fornon prizorgas ĉiutage unu familiano, kompreneble, oni ne kalkulas la frateton. La karbo kaj ligno estas tuj en la kelo.

Ekster la domo estas spaco, ĉirkaŭ kiu estas palisaro. En tiu spaco estas ĝardeno kun fruktoj kaj legomoj, kun belaj ornamaj floroj kaj korto kun hejmbestoj. Ni havas ses kuniklojn, dek kvin kokinojn, porkon kaj hundon. Ni zorgas pri ĉio laŭ niaj interesiĝoj. Patro zorgas pri fruktoj kaj legomoj; patrino kaj onklino pri la floroj; mi kaj la fratino pri la hejmbestoj. La malgranda frato strebas ĉie helpi. Ni laboras laŭ bezono, precipe dum libera tempo.

Dum labortagoj nia programo estas preciza por eluzi la komunajn ejojn. La gepatroj kaj la onklino foriras je la kvina, alitempe ĉirkaŭ la dektria, la patro eĉ ĉirkaŭ la dudekunua. Tio dependas de skipa laboro, sed ĉiam restas iu kun la frateto. Mi kaj mia fratino frekventas proksimajn lernejojn, do ni estas for de la oka ĝis la dekkvina horoj.

TASKO: Laŭ tiu priskribo faru skizan planon pri ambaŭ etaĝoj de la domo.

Ne forgesu fenestrojn, pordojn, vestiblojn, koridorojn kaj ŝtuparojn. Aldonu meblojn. Indiku la skalon de via plano. Junaj legantoj desegnu unu ĉambron; nomu la objektojn. Sendu ĝis la jarfino al la supra adreso: ĉiu ricevos respondon.

Solvis la taskon el numero 89/1 pri la studfakoj de Karolo: Takács István, Marcali, Hungario; Valdas Sinkevičius, Varéna, Litovio; Kerstin Bucholski, Bernburg, Germana DR kaj Blanka Burešova, Hradec Kralové, Ĉeĥio. Solvis la taskon el 89/2 Lidia Lami-Neri, Livorno, Italio kaj Dobromira Myszokowska, Olesnica, Pollando. Gratulojn al ĉiuj.

# Gajnu librojn aŭ afiŝojn!

Nia konkurso baziĝas ĉi-foje sur la rakonto de Karolo sur la antaŭa paĝo pri sia familia domo. En la sekvaj frazoj mankas vortoj. Ĉiuj estas pri domoj, preskaŭ ĉiuj mankantaj vortoj venas el la teksto de Karolo. Prenu la unuajn literojn de la mankantaj vortoj kaj vi formos kaŝfrazon. Ĉiu alineo donos al vi unu vorton de la kaŝfrazo.

Sendu la kaŝfrazon sur poŝtkarto aŭ en letero ĝis la 30a de januaro 1990 al: 'Juna amiko', pf. 193, H-1368 Budapeŝt, Hungario. Indiku vian aĝon. Ni donos du libropremiojn, unu por tiuj sub 15, unu sen aĝlimo. Krome el la ĝustaj respondintoj ni elektos 20, kiuj ricevos afiŝojn kaj la rakonton 'La virino kaj la policisto'. Ek!

Domo estas ________ por loĝi; ________ estas meblo por sidi; oni rigardas ________; oni ________ radion; la forno ________ en la kelo.

La komunaj ĉambroj estas ________ por ĉiuj, sed ne la dormĉambro de la ________ – tio estas ________ por ili. Ni havas kokinojn, kuniklojn, hundon kaj ______ porkon. Entute estas pli ol dudek ________; ni ________ en la ĝardeno, kiu troviĝas ________ la domo.

Precipe dum la ________ tempo ni ________ pri tiu ________, sed kiam pluvas ni devas resti ________.

Du ________ havas ______ domo.

Ni havas precizan programon pri la matena lavado en la ________ kaj por bone ________ la komunajn ĉambrojn. Por akiri la varman akvon ni bruligas karbon aŭ __________, kies stokoj troviĝas ______ la forno.

Apartan ____________ havas nur mia fratino kaj ________. Ĉiam iu restas kun mia __________ frato. Mi ne okupiĝas pri la ________ floroj.

## Esperantaj familioj

Ekzistas tra la mondo familioj, kiuj hejme parolas Esperanton. Plejofte sed ne ĉiam la gepatroj venas de malsamaj landoj kun malsamaj lingvoj. Kelkfoje do, la infanoj estas ne nur dulingvaj sed eĉ trilingvaj. Nun ekzistas neformala ligilo por tiuj familioj. En Győr, Hungario, okazis la 11a ĉiujara familia renkontiĝo, kie esperanto-parolantaj infanoj (inter ili denaskaj) kaj iliaj gepatroj povas interkonatiĝi.

Krome, unu internacia paro el Romo, Renato Corsetti kaj Anna Lowenstein (Colle Rasto, I-00039 Zagarolo, Italio) eldonas "Cirkulaĵo por esperantlingvaj paroj kaj familioj", kiu jam atingis sian sepan numeron. Tie gepatroj povas interŝanĝi spertojn pri la lingvo-lernado kaj pri la malmultaj akireblaj helpiloj. Ili kompilas vortaron pri familiaj vortoj, tenas adresaron kaj kolektas infan-poemojn kaj rimaĵojn. Se vi povas kontribui, kunlabori aŭ volas ricevi la cirkulaĵon, skribu al ili.

# Kanto por la Zamenhofa Tago

(15a de decembro)
Ĉenkanto kun tri partoj.







2. Neŭtralan lingvon faris li,
por ĉiuj homoj inter si,
helpilon por la paco.
Ne estu lingva tromultec'
ni strebu al paca unuec'!
Do, danku lin ĉiu knab', knabin',
la laŭdo koncernas lin.



Verkita de Nora Bartels por la lernantoj de la Lernejo Sankta Jozefo en Heemskerk, Nederlando. Tio klarigas la vorton 'Jozefidoj' en la unua strofo. Se vi volas provi la kanton, eble vi volos ŝanĝi tiun vorton por aludi vian propran grupon. La instruisto Ton Verwoerd sendis la tekston kaj muziknotojn.



# Maristo savita

verkita de juna leganto Mirka Trckova, Ŝtity, Ĉeĥoslovakio.

Estis tri viroj, kiuj restis sur insulo. Unu estis pentristo kaj havis ĉe si krajonon. Dua estis ĉarpentisto kaj havis hakilon. Tria estis maristo kaj havis maston. Ĉiuj tri tie vivis preskaŭ unu jaron, kaj poste ili konsultiĝis: "Ni konstruos ŝipon. Kaj vi maristo, alkonduku helpon." "Do, jes." diris la maristo.

Ili konstruis ŝipon por unu persono kaj la maristo forŝipveturis en urbon. Post iu tempo la du viroj vidis botelon en la akvo kaj en ĝi leteron. "Dankon pro la savo de mia vivo! Mi nun laboras en banko. Mi havas milionojn da moneroj. – amiko Maristo."





Diskutu: Kion vi opinias, pri la maristo?

Ni dankas niajn desegnistojn; ni ricevis bildojn ankaŭ de 6-jara Marta Sikorska el Pollando kaj de Pavel Majorov el Sovet-unio. Dankon!

## Malnovaj sed junaj amikoj

Ni havas ankoraŭ pli ol 200 ekzemplerojn de la sekvaj malnovaj numeroj de nia revuo kaj povas liveri ilin por klasa uzo (vidu p. 11):

| | | |
|---|---|---|
| 1977/1 | 10 | Bruna |
| 1977/2 | 11 | Flava |
| 1977/3 | 12 | Palblua |
| 1978/1 | 13 | Oranĝ-nigra |
| 1978/3 | 15 | Palverda |
| 1979/2 | 17 | Malhelblua |
| 1979/3 | 18 | Oranĝ-nigra |
| 1980/1 | 19 | Ruĝa |
| 1981/3 | 24 | Ruĝa |
| 82/2+3 | 26-27 | Foto |
| 1983/1 | 28 | Ruĝa |
| 1985/1 | 34 | Blua |
| 1985/2 | 35 | Verda |
| 1985/3 | 36 | Blua |
| 1986/2 | 38 | Oranĝa |
| 1987/4 | 43 | Purpura |

Kelkaj numeroj plene elĉerpiĝis, de aliaj ni havas sufiĉajn nur por la kompilado de kolektoj.

# Deziras korespondi

dez. kor. = deziras korespondi
tutm. = tutmonde
ĉ.t. = ĉiuj temoj
i.a. = interalie
ktp. = kaj tiel plu
ks. = kaj simile
Int. pm. = Volas interŝanĝi poŝtmarkojn
Int. pk. = Volas interŝanĝi poŝtkartojn

Ni aperigas korespond-petojn de junuloj, klasoj kaj instruistoj senpage. Anoncojn de plenkreskuloj ni ne aperigas. Bonvolu skribi tre klare (latinlitere) kaj doni sufiĉajn informojn: aĝon, sekson, interesojn. Malfacile legeblajn petojn ni ne aperigos. Bonkvalita foto (prefere nigra-blanka) bonvenas; ni aperigos unu aŭ du.

## Alĝerio

Junulo el Alĝero franclingve petis korespondamikojn. Ĉu franclingvano volas ekkorespondi tiulingve kaj informi lin pri Esperanto kaj eventuale eĉ helpi lin eklerni ĝin? Slamani Rabah, p/a Mohktari Mohamed, Coiffeur, Draa-el-Mizan, Tizi Ouzou, DZ-15400. Pri sporto (boksado), naĝado kaj muziko. Int. pm. kaj pk.

## Brazilo

Grupo de gelernantoj, Caixa Postal 04.0222, BR-70312 Brasília (DF). Ĉe-instruisto serĉas grupan korespondadon por siaj gelernantoj. Oni korespondu laŭ Freintet-pedagogio, kiu uzas grandegajn paperfoliojn sur kiuj la korespondantoj skribas tekstojn, poemojn, algluas fotojn, florojn, faras desegnaĵojn ktp.

Carlos José Sell, Rua Vereador Osvaldo Oliveira, BR-41100 Palhoca (SC). 13-jara lernanto.

Decio Baixo Alves, Rua Leopoldo Freiburger 21, BR-88160 Biguacu (SC). I6-jara lernanto.

## Bulgario

Zdravko Kolev, Nova centro, bloko 20 enirejo A, ap. 7, BG-4700 Smoljan. 17-jara dez. kor. tutm. Kolektas papiliojn.

## Ĉeĥoslovakio

Jana Skopcová, Dukelská 1585, CS-256 01 Benešov u Prahy. Junulino dez. kor. kaj int. pk.

Vladka Urbanová, Konopištská 1652, CS-256 01 Benešov u Prahy. Same.

Lucie Kozáková, Mostecka 3229, Kladno Sítná. 12-jara lernantino dez. kor. tutm. Kolektas pm. kaj pk. kaj bildoj de hundoj.

## Ĉinio

Feng Qibing, Hongkou Qu, Liyang Lu 826/37, Shanghai. 14-jara knabino dez. kor. tutm. pri ĉ.t. kaj int. pm., bildojn kaj kalendaretojn. Bv. skribi la adreson preslitere kaj klare.

## Francio

Skolta grupo kun 11- ĝis 18-jaraj knaboj dez. kor. tutm. kun similaj skoltaj grupoj en nefranc-parolantaj landoj. La grupestroj ankaŭ instruas infanojn inter 3- kaj 12-jaraj en diversaj ŝtataj lernejoj kaj serĉas korespondantojn por ili. Paskal kaj Samuel Gajar, 12 rue Saint Benois, F-63000 Clermont-Ferrand, Francio (tel. 73 92 21 03).

Esperanto-klubo CES, F-49490 Noyant. 15 gelernantoj inter 11- kaj 14-jaraj dez. kor. tutm. pri ĉ.t.

## Germana DR

Suzanne Reimann, Platz der Freiheit 20, DDR-5503 Ellrich. 11-jara lernantino serĉas amikojn, dez. kor. pri ĉ.t. Kolektas pk., pm. kaj glumarkojn.

## Hungario

Barta Aliz, Kalász u. 6 fsz. 2, H-2400 Dunaujváros. 17-jara lernantino, pri muziko, lingvolernado kaj aliaj temoj.

Maksa Timea, Széchenyi u.41/b, H-8136 Komárom. 17-jara lernantino pri ĉ.t.

## Amikaj adresoj

La redakcio de nova soveta adresinformilo "Amikaj adresoj" (Adresa druzej) serĉas kontaktojn kun similaj eldonaĵoj, korespondemuloj kaj sponsoroj por kunlaboro. Bv. skribi al: Adresa Druzej, p.k. 2420, SU-660095 Krasnojarsk.

Ĉi tiu stencilita bulteno distribuas adresojn de korespondemulojn el multaj landoj. Ĝi estas dulingva: Esperanta/rusa, kaj proponas korespondadon per pluraj lingvoj sub la devizo 'Trans ĉiu lingvo – al Esperanto'. La numero, kiu atingis nin proponas dekon da adresoj ekster socialismaj landoj – bedaŭrinde ĝi kutime ne indikas en kiu lingvo eblas korespondi. Ni aperigas sube la adresojn nur de tiuj, kiuj certe povas korespondi Esperante:

- Klaso de 10- kaj 11-jaruloj, Richmond Junior Academy, p/a d-ro John Birmingham, 5201 Patterson Ave. Richmond, VA 23226, Usono.
- Esperanto-klubo por 11-14-jaruloj: Leibniz Gimnasium, D-7210 Rottweil, FR Germanio.
- Alia internacia adresaro por korespondemuloj, organizita de pacista movado, kiu akceptos petojn por korespondado en Esperanto: Tutmonde, Apartat 313, E-08220 Terrassa, Hispanio.

Havlik Veronika, Sallai I. u. 5, H-8060 Mór. 16-jara lernantino pri ĉ.t.

### Irano

Latef A. Ebadi, P.O. Box 394, Bandar Mahshar. 15-jara junulo dez. kor. pri ĉ.t. Int pm., precipe kun Sovet-unio.

### Pollando

Kasia Konoor, ul. Zgrzebnioka 56/1, PL-43-135 Tychy. 13-jara, pri muziko, sporto kaj turismo.

Magda Smidowicz, ul. Boguslawskiego 7/14, PL-31-048 Kraków. 12-jara knabino dez. kor. tutm.

Ilona Blaszczyk, Zychlin 13/1, PL-63-324 Kuczkow (woj. Kaliskie). 13-jara lernantino. Pri hisotrio, plasto kaj pupoj en naciaj vestoj.

Dariusz Jakubowski, ul. Rynek 10, PL-63-910 Miejska Górka (woj. Leszno). 17-jara. Dez. kor. tutm. Interesiĝas pri muziko, sporto, vojaĝado.

Adam Choroszewski, Zgrzebnioka 56/6, PL-43-100 Tychy. 13-jara junulo dez. kor. tutm., interesiĝas pri muziko, informadiko, fantastiko, kolektas prospektojn, diskojn kaj kasedojn.

Eva Iwardowska, ul. Kartuska 249/20, PL-80-125 Gdansk. 17-jara lernantino dez. kor. pri ĉ.t. Interesiĝas pri lingvoj kaj muziko, ludas la gitaron.

Tomasz Bucko, ul. Suprasiska 17, PL-16-010 Wasilkow. 13-jara knabo dez. kor. Interesiĝas pri sporto, geografio, historio. Kolektas pm. kaj pk.

Roman Kozik, ul. Jankowicka 27, PL-44-200 Rybnik.

Ewa Krawczynska, ul. Jarzebinowa 15, PL-96-124 Maków (woj. Skierniewice). 14-jara lernantino dez. kor. kun samaĝuloj. Interesiĝas pri muziko, pentro-arto, turismo kaj sporto.

Izabela Matyszka, ul. 8-90 Sierpnia 12a/35, PL-08-300 Sokotow Podl. 17-jara lernantino, kolektas pm., interesiĝas pri turismo, literaturo kaj historio.

Agnieszka Burda, ul. Wl. Gomulki 45/40, PL-38-400 Krosno. 17-jara junulino, dez. kor. tutm. por ekzerci la lingvouzon. Interesiĝas pri arĥeologio kaj muziko.

Przemyslaw Przyaylski, ul. Jutnenka 6a/10, PL-60-373 Poznan. 17-jara junulino, kolektias pm., pk. Interesiĝas pri literaturo kaj japana historio.

Robert Swiatek, Broniewskiego 40B/86, PL-98-200 Sieradz. 16-jara komencanto dez. kor. pri filmoj, sporto kaj vojaĝado. Korespondanto, kiu povas doni lingvan gvidon preferinda.

Roszak Kardina, Tychin 13/4, PL-63-324 Kuczków. Sesaklasanino dez. kor. Interesiĝas pri plastiko, kolektas ludilojn, pupojn kaj ursetojn. Volas ekscii pri bataloj de Fora Oriento.

Lukasz Uniejewski, os. J. Brozka 26/24, Skr. Poczt. 11, PL-29-100 Wloszczowa. 14-jara junulo dez. kor. tutm. pri ĉ.t.

## Sovet-Unio: Litovio

Danguole Ignatavičiute, Petkevičiaus 10-71, SU-234580 Alytus. 16-jara lernantino dez. kor. tutm. Kolektas pk.

Erika Sereikaite, Kosmonautu 8-22, SU-235000 Jonava. 18-jara. Kolektas pk. kun hundoj kaj katoj. Interesiĝas pri literaturo, dancado kaj turismo.

Kulbyte Banga, str. Ateities 36-18, SU-235309 Panoveĵis. 17-jarulo dez. kor. tutm. pri ĉ.t.

## Sovet-Unio: Estonio

Kaido Kalamets, Harbu naj. SU-202250 Raasiku. 13-jara. Naĝado, skiado kaj historio.

Veronica Viisilecit, Tokni 23, SU-200016 Tallinn. 12-jara, ludas pianon, kolektas kalendaretojn kaj glumarkojn.

## Sovet-Unio: Cetera

Elena Uvavova, Lenina 270-9, SU-606110 Bogorodsko Corikia Reg.

(La supraj tri adresoj estis donitaj de Petro Nagy, hungara junulo, kiu ricevis pli da respondoj de korespondemuloj ol li mem povas plenumi.)

Tanja Nazaruk, Leninskij pr. 9-A, kv. 64, SU-340102 Doneck. 14-jara lernantino dez. kor. tutm. pri historio, ĵurnalistiko, muziko kaj lerneja klerigado. Kolektas pk. kaj pm.

Sergej Jaroŝĉeviĉ, str. Maganov 22-8, SU-224005 Brest. 14-jara lernanto dez. kor. pri sporto, turismo, interŝanĝi pk., pm. kaj esperantaĵoj kaj reciproke gastigadi.



Andreo Kazaku, ul. Engels 3, ap. 96, SU-277051 Kiŝiveno, Moldavskaja SSR. 16-jarulo (sur la foto) dez. kor. tutm. pri ĉ.t.

Nataŝa Malkova, str. Kirova 51, SU-456420 v. Ujiska, Ĉeljabinskaja reg. 14-jara dez. kor. tutm. pri ĉ.t. Interesiĝas pri lingvoj.

## Ĉu vi aŭdas?

Botelo faras glu glu glu
Bovino faras mu mu mu
La rano faras kva kva kva
Kaj muzikisto tra la la
La koko kokerikas nur
Kolomboj faras mur mur mur
La krokodilo krokodilas
Ĉeporde iu sonorilas ...




Rikardo Ŝulco, Mindeno, FR Germanio.

Ára: 10 ft.

## Remendu nun por 1990!

## La laŭta vekhorloĝo

**kaj aliaj atento-kaptiloj**

Jen simpla amuza rakonto *La laŭta vekhorloĝo*, kune kun tri pliaj malpli simplaj: *La unua vekhorloĝo, Ĉe tunelo ĉe valo,* kaj *La heroo*. Ĉiuj kun demandoj, ekzercoj, enigmoj kaj rol-ludoj, taŭgaj por grupa uzado. La dua prezentas la prahistorian heroon Ron, kiu inventas kaf-vek-horloĝon.

Verkita de Stefan MacGill; ilustrita de Pavel Rak. Taŭga por la pli kapablaj legantoj de *Juna amiko*. La 200-paĝa libro inkluzivas notojn por instruistoj kaj vortliston. Prezo: 90 forintoj ĉe Hungara Esperanto-Asocio, 21 gld. ĉe UEA.

Kanto-kasedo

## Dinnyes: AL VENKO!

16 esperant-lingvaj kantoj de la fama gitaristo-kantisto József Dinnyés (prononcu *Joĵef Dinjeŝ*). Krom liaj kantoj vi povas ĝui ankaŭ melodiigitajn verkojn de famaj Esperantaj aŭtoroj, kiel R. Schwartz, J. Baghy, L. Zamenhof kaj aliaj. Bonkvalita registraĵo, bela aspekto. Por aĉeti la kasedon, turnu vin al via Libroservo. Eldonis:LINGVO-Studio, Budapeŝto

## Esperanto por ni



Jen finfine sistema lernilo por junuloj inter la aĝoj de 8 kaj 12. Per abundaj bildoj ĉi tiuj kvar libroj prezentas la bazon de Esperanto per nur Esperanto kaj donas multajn aktivigajn ekzercojn. Ne tiom por memlernantoj, sed tre utila materialo en la manoj de sperta instruisto. Verkis J. kaj H. Mikulás.

4 volumoj kun entute 264 paĝoj. Koloraj allogaj kovriloj. Ĉiu volumo kostas 45 forintojn de Hungara Esperanto-Asocio aŭ 9,90 guldenojn de UEA